# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.° 4 (76) ABRIL, 1955

## LA MEJOR PROPAGANDA

Los esperantistas llevan oído, hasta saturación, que el Esperanto no solamente sirve para que las personas de diferente idioma puedan, por él, llegar hasta la perfecta comprensión, sino también para alcanzar una situación de afecto y amistad. Pero, hasta entre personas cultas, no es raro que, al afirmarles que el Esperanto puede ser manejado con fluidez, como un idioma nacional cualquiera, y llegar a poder manifestar matices de ironía y concepciones poéticas sublimes, expresen estupor, desconfianza o incredulidad. Los sabios pueden ser convencidos por razonamientos, estadísticas y estudios analíticos. A las gentes de espíritu superficial, burlón o pedante, más vale no intentar siquiera convencerles de la verdad del Esperanto. No debemos olvidar que solo pueden llegar, en el momento actual, al Esperanto, aquellas personas dotadas de cierta exquisitez espiritual, capaces de sentir inquietudes de superación moral, y con el propósito de sembrar sin la exigencia de cosechar inmediatamente. Pero el mundo se compone, en su inmensa mayoría, de personas de tipo corriente o «standard», como se suele decir, a los que convencen los hechos tangibles, más que las teorías y demostraciones abstractas.

En nuestro ambiente nacional, tan poco propicio, geográficamente considerado, a la relación internacional, pocas realidades demostrativas se pueden ofrecer, para llevar el convencimiento sobre la realidad práctica del Esperanto. Lo que la gente estima más es la prueba viva que penetra por los sentidos. Oir hablar, presenciar conversaciones, percibir la música de nuestra prosodia y, en suma, salir convencido de que el Esperanto es un idioma vivo, fluido, dúctil, que lo mismo sirve para pedir un billete para el ferrocarril que para manifestar con lirismo de sinceridad el agradecimiento, el cariño y la admiración. Por eso, cuando se produce entre nosotros la lle-

# SECCIÓN FILATÉLICA de la Federación Esperantista Española

## Apartado 875 - BARCELONA

### CIRCULAR NÚM. 1

Teniendo en cuenta la existencia de actividades filatélicas dentro de los Grupos de Esperanto, y del gran número de esperantistas interesados por la filatelia, esta Sección se crea con el fin de orientar el coleccionismo en general, y de fomentar entre los mismos el coleccionismo sobre el tema ESPERANTO.

Nuestro órgano informativo será BOLETIN de la Federación Esperantista Española, en el que aparecerán las Circulares relativas a esta Sección, siempre que las circunstancias lo aconsejen.

En principio, esta Sección estará representada por los siguientes filatélicos esperantistas: Esteban Moreno, de Barcelona, Presidente, Fakdelegito de U. E. A. para Filatelia; Evaristo Gil, de Barcelona. Secretario; J. Juan Forné, de Valencia, Vicente Hernández, de Sabadell, y Ramón Molera, de Moyá (Barcelona), Vocales.

Se celebrará una reunión anual coincidiendo con los Congresos Nacionales de Esperanto, convocando la primera para el XVI Congreso que tendrá lugar en Gijón del 23 al 27 de julio próximo.

Con motivo de su presentación en el campo del coleccionismo, la ***Sección Filatélica de la Federación Esperantista Española*** saluda a todas las agrupaciones filatélicas, y filatélicos en general, y de antemano agradece todo contacto que se le dispense.

Barcelona, marzo de 1955.

---

gada de unos esperantistas extranjeros, la propaganda de nuestra idea idiomática gana una importante batalla, por cuanto se demuestra ante todo el mundo que el Esperanto no es solamente un idioma perfecto, capaz de expresar toda clase de deseos y sentimientos, sino una escuela de moral fraterna y un compendio, para uso de una minoría, de lo que deben ser las relaciones internacionales.

Una demostración de todo ello se dió recientemente en Valencia, con motivo de las típicas y ya mundialmente conocidas «fallas». Numerosos esperantistas extranjeros, haciéndose eco de nuestra propaganda, han acudido a nuestra ciudad, no solamente para ser testigos de nuestra inimitable explosión artística, sino también para gozar de nuestro cielo, de nuestra tibia temperatura primaveral, de la caricia de nuestro sol y, no en pequeña parte, del calor de nuestra samideana simpatía. Austríacos, belgas, daneses y franceses, durante unos días, no solamente pudieron ser comprendidos mediante el Esperanto, sino que, además, gozaron de cuantas atenciones y demostraciones de afecto se les prodigaron. Con los austríacos vinieron muchos compatriotas no esperantistas que, merced a sus compañeros, pudieron gozar de muchos aspectos de nuestra vida. de los que habrían carecido si no hubiesen venido con esperantistas. Pudieron darse cabal cuenta de que, además de la perfecta inteligencia idiomática, existía entre ellos y nosotros una sincera comprensión espiritual, que no fué una tónica exclusiva de los esperantistas valencianos, sino que se produjo ya, con anterioridad, a su paso por Barcelona, donde nuestros samideanos catalanes se desvivieron por agasajarles, y que se repitió después en Mallorca, en donde el reducido pero entusiasta grupo de Palma repitió la cordial acogida.

Esa es la mejor propaganda. La que demuestra con hechos que el Esperanto no es una utopía. Que no se contenta con facilitar el intercambio de palabras, sino que realiza siempre la perfecta comprensión de sentimientos. Lo cual, en estos tiempos, no es grano de anís.

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**LA INTERNACIA LINGVO (Faktoj pri Esperanto),** de D-ro Ivo Lapenna, eks-profesoro pri Internacia Juro en la Universitato de Zagreb. Eldonita de Centro de Esploro kaj Dokumentado de Universala Esperanto - Asocio, Londono. Formato 18 x 12,5 cm.; 192 paĝoj kun indekso; tole bindita. Prezo: 65 pes. Akirebla ĉe Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio, Pelayo 7, Valencia.

La Centro de Esploro kaj Dokumentado, tiu modela institucio de U. E. A., ĵus prezentis sian unuan verkon en formo de libro: utilega kompilo de faktoj kaj trafaj argumentoj pri nia lingvo. D-ro Lapenna, ĝia honorofica direktoro, verkinto de pluraj gravaj libroj en la internacia lingvo kaj aliaj, plenigas vakuon akre sentitan per sia nova verko, kiun li parte kompilis surbaze de studoj de pluraj eminentaj kunlaborantoj de C. E. D.

La libro estas dividita en tri partoj. En la unua oni studas Esperanton kiel solvon de la problemo de internacia lingvo. Naŭ ĉapitroj orde pritraktas la formiĝon, strukturon kaj evoluon de Esperanto, opiniojn pri ĝia valoro, metodojn de ĝia instruado, ĝian literaturon, ĝian aplikon al la scienco kaj al aliaj aspektoj de la nuntempa vivo. En la dua parto oni studas la Esperanto-organizaĵojn, kaj en la tria troviĝas detala priskribo de Universala Esperanto-Asocio: ĝia historio, kultura agado, praktikaj servoj, universalaj kongresoj, k. t. p.

Kompletigas la verkon bibliografia listo kaj tre utila indekso pri nomoj kaj temoj, kio tre faciligas la uzadon kiel konsulta libro.

Science kaj objektive redaktita, ĉi tiu nova verko de samideano Lapenna estas valora juvelo, utilega por prelegistoj, verkistoj de artikoloj kaj propagandistoj de nia lingvo, sed ankaŭ tre rekomendinda por ĉiuj esperantistoj, kiuj trovos en ĝi imponan kolekton de faktoj kiuj igos ilin pli ami, respekti kaj disvastigi nian karan internacian lingvon.

La nomo de la aŭtoro forigas ĉiajn dubojn pri la lingva perfekteco de la verko. D-ro Lapenna montras, kiel antaŭe en siaj admirindaj «Retoriko» kaj «Aktualaj problemoj de la nuntempa internacia vivo», fluan kaj elegantan stilon, diafane klaran, kiel taŭgas al praktika verko.

Jen kelkaj korektendaj preseraroj: «Ruysinol» (Rusinyol) en paĝoj 64 kaj 74; «La kreitaj profetoj» (profitoj), «J. H. Rodó» (J. E. Rodó), «Camoes» (Camoens), ĉiuj en paĝo 74. Alia korektendaĵo: la itala klasika verko «La floretoj de Sta. Francisko», el la XIIIa jarcento, de nekonata aŭtoro, aperas inter la verkoj de Papini.

La libro estas lukse presita, kiel konvenas al ĝia elstara enhavo, tiel interesa, ke mi estas konvinkita ke oni ĝin tradukos en plurajn naciajn lingvojn, ĉar ĝi superas la pure esperantistan kampon. Mi varme rekomendas aĉeti ĝin, kiel plej bela kaj praktika omaĝo al nia eminenta, meritplena samideano Lapenna, kiu per sia streĉa laborado venkis la skeptikecon de la delegitoj ĉe la UNESKO-Konferenco kaj atingis tiel gravan venkon por nia movado.

*Dario Rodríguez.*

**LA VIRGULINO DE LA MALRIĈULOJ,** esperanta traduko de la originala verko de Pastro Angelo Rainero, O. S. J. Tradukis Pastro Modesto Carolfi, O. F. M. Eldonita de «La Madonna dei Poveri», Milano, Italujo. Kun eklezia aprobo. Paĝoj 64, kelkkolora frontkovrilo, 10 fotoj tutpaĝaj. — Prezo: 6 int. respk. Aĉetebla ĉe Unione Esperantisti Cattolici d' Italia, Via Rovereto 6, Verona, Italujo

Jen interesa raporto pri la ok aperoj de la Sankta Virgulino al la knabino Mariette Becó ĉe la belga vilaĝo Banneux en 1933. En treege bona, klara kaj ne peza stilo Pastro Carolfi tradukis la faman originalan verkon de Pastro Rainero en itala lingvo. Mi legis seninterrompe en unu sola fojo la tutan broŝuron, tiel ĝi estis interesa por mi! La temo estas la konsolaj kaj amaj vortoj de la Sankta Virgulino, la historio de la ok aperoj kaj la posta disvastigado de la adoro al la Sankta Virgulino de Banneux, nomita laŭ siaj propraj vortoj la Virgulino de la

al la paĝo 159

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

## Opinioj, sugestoj kaj kritikoj de la legantoj

# PRI VORTOJ EN ESPERANTO

En la oktobra (1954) numero de *Boletín* aperis recenzo pri la plejnova apero de *Plena Vortaro.* Kvankam ne dezirante fari apologion por tiu verko (ĉar mi ne povas opinii ke represaĵo de verko el 1934, eĉ kun suplemento, estas utila kiel leksikono moderna, kaj mi atentigas pri la nova *Ilustrita Vortaro de Esperanto* nun preskaŭ preta por apero), mi tamen deziras komenti tendencon montritan en la recenzo, tendencon kiun mi rimarkis multeloke en Esperantujo, kvankam, feliĉe, ne ĉie.

La celo de lingvo estas interkomunikado. Interkomunikado postulas: a) klarecon, b) precizecon, c) facilecon. Kutime oni ankaŭ deziras belecon, sed pri tiu tre subjektiva afero mi ne deziras nun diskuti.

La celo de lingvo ne estas esti ia enigmaĵo por la uzantoj, aŭ ludilo por lernantoj. Lingvo devas esti kompleta, kaj perfekta rilate la kvar supre menciitajn postulojn, kaj nur kiam ĝi estas tia, oni rajtas atenti la pretendojn de lernantoj, aŭ de ludemuloj.

Oni komunikas per vortoj. Per tiuj vortoj oni komunikas pensojn. Oni komunikas dumaniere: a) per rekta esprimado je ideoj per vortoj, kaj b) per sugestado pri ideoj; kiam la vortoj ne estas sufiĉe precizaj aŭ konataj. Tiu dua maniero estas substitua afero, io kion oni uzas nur kiam necese, kaj kiun oni devas eviti laŭeble.

Estas la devo, do, de lingvo posedi ĉiun vorton necesan por esprimi ĉion kion oni deziras esprimi.

Multaj ideoj estas kompleksaj, oni povas ilin esprimi per vortoj kunligitaj. Sed multaj aliaj ideoj estas simplaj, oni ne povas ilin dividi en partojn, kaj oni bezonas apartajn vortojn por ili. Ofte oni uzas (prave) apartajn vortojn por kompleksaj ideoj, kiam kunligo de vortoj estus tro longa aŭ alie ĝena.

Lingvo devas, do, posedi ĉiun vorton necesan. Por ĉiu aparta ideo devas esti aparta vorto aŭ formo. Estas falsa ŝparo ŝpari vortojn rifuzante permesi al verkisto esprimi tion kion li volas, ĉar oni ne volas plian vorton.

Sinjoro Guillem en la menciita artikolo prezentas amuzan paragrafaron konstruitan esence el «novaj» vortoj. Tamen mi defias al li montri eĉ unu el ili kiu estas substituebla precize kaj klare per tradiciaj vortoj. Ĉu aŭ ne la vortoj uzitaj estas la plej bonaj troveblaj, mi ne diras. Certe ne estas tiel pri ĉiu el ili. Tamen, ili montras konceptojn ekzistantajn en nia civilizacio, kaj tiuj konceptoj estas esprimendaj per io.

Ankaŭ alia afero estas pritraktenda. Milfoje aperas en gazetoj kaj libroj protestoj kontraŭ «balasto», «sinonimoj», «nenecesaj vortoj». Ĉu estas do krimo havi du vortojn por ion esprimi? Ĉu ni estas barbaroj kiuj devas balbutadi per kelkcent vortoj? Kial estas malpermesate, de tiuj protestemaj personoj, havi riĉan vortaron? Ĉu estas nur akcidento ke la plej kulturaj lingvoj de la mondo estas ankaŭ la plej grandaj?

Sinjoroj, en la fundamenta gramatiko de Esperanto mi legas regulon (numero 15) «La tiel nomataj vortoj *fremdaj,* t. e. tiuj, kiujn la plimulto de la lingvoj prenis el unu fonto, estas uzataj en la lingvo Esperanto sen ŝanĝo....» Tio signifas ke la vorto «ekspekti», unu el la plej internaciaj vortoj, estas esperanta vorto; la vorto «timida», tre internacia vorto, estas esperanta; «peticio» (pli ĝuste: petitiono aŭ peticiono) estas esperanta; ascendi, neglekti, kaj plurcent (eble plurmil) aliaj vortoj estas esperantaj.

Se nur la vortoj estas bone elektitaj (t. e. elektitaj el la internaciaj vortoj), estas bone formataj (t. e. havas formon konforman al la esperanta ortografio), kaj havas signifon klaran, ili estas uzindaj kaj uzendaj.

Kial al verkanto estu malpermesate diri «Diktionario», vorto uzata en ĉiu okcidenta

# 16-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## 23 - 27 de Julio de 1955

Adreso de la Organiza Komitato: Grupo Esperantista del Centro Asturiano
Paseo de Begoña, 26-28, GIJON, Asturias




Ĉi apude ni reproduktas iom pligrandigitan la kongresan glumarkon, kiu estas presita en du koloroj, kaj kiun oni povas jam mendi ĉe la Organiza Komitato. Unu glumarko, 0'10 pesetojn.

Komencis alveni kongres-aliĝiloj, sed ankoraŭ ne laŭ la kvanto, kiun ni atendis. kaj ni devas atentigi la kongresontojn, ke se ili lasas la aliĝon por la lasta momento, estos tute neeble garantii la loĝigadon de la malfruintoj. Pro tio ni petas al tiuj, kiuj jam estas certaj pri sia ĉeesto, bonvolu sin anonci tuj.

Al nia Federacio alvenis kelkaj literaturaj verkoj, kiuj estis tre ĝoje bonvenataj. Ni esperas, ke ankoraŭ venos amaso da ili por certigi la sukceson de nia venonta Literatura Konkurso, kiu estos kiel kutime unu el la plej interesaj partoj de nia programo.

---

## RADIO

De la 13-a de pasinta marto la hispana radiostacio *Radio Bilbao* komencis elsendi en Esperanto laŭ ondo de 264,8 metroj, 1133 kilocikloj. La novaj elsendoj okazas ĉiudimanĉe je 24 ĝis 24'30 h. M. E. T. Post aŭskulto NEPRE skribu al *Radio Bilbao,* str. Rodríguez Arias 6, 4.°, Bilbao, Hispanujo. La Direkcio de la Radiostacio tre interesiĝas pri ĝia aŭdebleco.

*Radio Roma* anoncas, ke la esperantaj dissendoj okazas nun de 19'10 ĝis 19'25 h. M. E. T. La tagoj kaj la ondlongoj estas la samaj, t. e. merkrede kaj vendrede, 31'33 kaj 49'92 m.

---

lingvo, nur ĉar iu kapriculo preferis traduki germanan kombinvorton (vort-aro) kiu povus egale signifi la tutan lingvon? (Kaj se tiu persono estis Zamenhof, ĉu ni devas lin apoteozi, kaj ne rimarki ke li agis kaprice, ne nur unufoje sed plurfoje?) Kial en Esperanto neniu rajtu «developi» ideon, sed nur ĝin «disvolvi», kvazaŭ temus pri fadenoj vinditaj ĉirkaŭ stangeto?

Mi protestas, sinjoroj. Mi protestas kontraŭ ĉiu persono kiu deziras pro kaprica principo malpermesi al mi esprimi miajn pensojn klare kaj precize en lingvo kiu strukture estas la plej klara kaj preciza lingvo de la mondo.

Kiu profitas per limigita vokabulario? Ĉu la lernanto? Ĉu vi, sinjoro, pli facile lernis diri «disvolviĝi» ol «developi»? Se vi estas hispano, mi vetus ke vi ne trovas la unuan pli facila ol la duan. Fakte, se vi estus anglo, hispano, franco, portugalo... vi ne trovus pli facila la unuan ol la duan. Ne, sinjoro, ĉar la unua estas fuŝita metaforo, dum la dua estas internacia klara formo.

Estas la devo de lingvo esprimi, esprimi klare, precize, kaj facile. Oni ne plenumas tiun devon arbitre limigante la esprimpovon de la lingvo per malpermesoj kaj protestoj.

*Donald R. Broadribb.*

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Majo.***

Ni ricevis la solvon de la enigmo n.° 16 el jenaj gesamideanoj: A. García Gómez, M. A. Perles, S. Masteiro, M. Pilloy, M. Ruiz Cubiles, A. Núñez Dubús, A. Candela, R. Albero, E. Miralles, V. Monsalve, J. M. Fontcuberta, S. Roca, J. Silva, M. Fernández Méndez, J. Armadans, P. Naranjo, A. Escamilla kaj J. A. Daniel. Tial ke samideano R. Albero atingis jam la 10 poentojn, ni sendas al li la libropremion.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 16

*Horizontale:* 1 Muel, skio. 2 Temperaturo. 3 Ed, odelp, ar. 4 Dia, odo, ond. 5 Akta, pago. 6 Alkonduku. 7 Amen, bato. 8 Bet, for, kal. 9 In, kitel, ne. 10 Otnodonavgi. 11 Oune, trio.

*Vertikale:* 1 Teda, abio. 2 Medikamento. 3 Um, atlet, nu. 4 Epo, akn, kon. 5 Ledo, fide. 6 Redingoto. 7 Salo, rent. 8 Ktp, pub, lar. 9 Iu, oakak, vi. 10 Orangutango. 11 Ordo, olei.

ENIGMO N.° 18

Krucvorta enigmo, de Juan Devís.

Malsupra figuro.



*Horizontale:* 1 (Rad) Infano virseksa. (Rad) kovri per maldika tavolo el oro. 2 Havis iomete da ideo pri la kialo de io. 3 Sufikso. (Rad) Kolombumi. Konj. servanta por enkonduki novan fakton. 4 (Inv) Posteŭlo. Sufikso esprimanta oficon. Kunordiga konj. montranta kontraŭecon. 5 (Rad) Enfiksi juvelŝtonon. Leda paperujo. 6 Serioza pripensado. 7 (Inv) Reguloj de la beleco. Kontraŭa. 8 (Rad) Malgranda angla mezurunuo de peso. Instrumento. Malproksimeco. 9 Sufikso signifanta peceton. (Rad) Koleoptero kies larvo manĝas lignon. Prefikso. 10 Scienco studanta la astronomian sistemon de universo. 11 (Inv) Propraj al mitaj supernaturaj estaĵoj. Io malsama.

*Vertikale:* 1 Demanda adverbo. (Inv) Subtera ĉambro. 2 Homoj kiuj profesie gvidas veturilojn. 3 (Inv) Ĥemia simbolo de la mangano. (Inv) Ŝipperei per subakviĝo. (Inv) Verba finaĵo. 4 (Rad) Sovaĝa porko. (Inv) Participa partikulo. Ŝati kare iun. 5 Aŭdigi konfuzajn sonojn. (Inv) Meti je dispono de iu. 6 (Rad) Estinta sciencisto pri la fenomenoj de la vivo. 7 (Inv) Mil kilogramoj. (Inv) Ligna veg. kun alta trunko. 8 (Rad) Longa stango el metalo sur kiu ruliĝas lokomotivoj. (Rad) Tio pri kio oni diskutas. Pro ia kaŭzo. 9 Participa partikulo. (Rad) Plej altranga anĝelo. Aĉ. 10 Parto de la medicino kiu pritraktas la seksajn organojn de la virino. 11 Poluso. Spaco inter difinitaj limoj.

## NI KONDOLENCAS

***S-ano José Garzón Ruiz, San Fernando, Cádiz, honora membro de nia Federacio, mortis la 7-an de pasinta marto. Li estis malnova esperantisto, kiu antaŭlonge tre aktive laboris por nia lingva afero, tiom ke li meritis la honoran membrecon de nia landa organizo.***

***Nia Federacio kaj la Redakcio de «Boletín» esprimas al lia familio sian sinceran kondolencon.***

# ☆ LA LERNEJO

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Gesamideanoj A. Núñez Dubús, R. Albero, M. Buscató, E. Pons. E. E. Yelland, V. Monsalve, S. Roca, M. Fernández Méndez kaj J. A. Daniel sendis al ni korektajn trradukojn de la februara tasko.

*Laŭ nia opinio jen la plej korekta traduko. Bonvolu ĝin kompari kun viaj verkaĵoj:*

Mi vivis en stato de senĉesa ebrieco dum la senfinaj tagoj da atendado, kiuj antaŭiris la foriron. Kaj ĉi tiu deliro, renovigita ĉiuhore de la belegecoj de la naturo en Sabojo, en Svislando, sur la lago de Genevo, en la neĝamasejoj de la Simplon, ĉe la lago de Como, en Milano kaj en Florenco, ne malaperis ĝis la tago de mia reveno. La irado de la aferoj, kiuj irigis mian vojaĝkunulinon al Livorno, plilongiĝis tiom, ke oni jam parolis pri mia revenigo al Francujo, ne vidinte mi ankoraŭ la urbojn de Romo kaj Napolo. Ĉi tio egalis al la forigo de mia plej ŝatata iluzio, kiam mi estis tuj atingonta ĝin. Mi protestis interne kontraŭ tia ideo.

*Jen la nova tasko. Ni daŭrigas kun la sama romano «Graziella».*

**Mi figura, mi juventud, mi entusiasmo, mi soledad en medio de un país desconocido, habían interesado a uno de mis compañeros de viaje durante el trayecto de Florencia a Roma, el cual acabó por trabar estrecha amistad conmigo. Un muchacho francote, casi de mi edad, que era, según parece, hijo o sobrino del famoso cantante David, el primer tenor, en aquella época, de los teatros de Italia. David iba también de viaje con nosotros. Era un hombre ya entrado en años. Se dirigía a Nápoles, con objeto de cantar, por última vez, en el Teatro de San Carlos. David me trataba con paternal cariño, y su joven compañero me colmaba de atenciones y finezas, a las cuales correspondía yo con la ingenuidad y la candidez de mis años. No habíamos llegado aún a Roma, y ya el muchacho y yo nos consideramos inseparables. En aquellos tiempos el correo no empleaba menos de tres días en ir de Florencia a Roma. En las posadas, mi nuevo amigo ejercía de intérprete mío; en la mesa me servía el primero; en el coche me cedía siempre el mejor asiento, y cuando me entraba sueño estaba seguro de tener siempre su hombro por almohada, bajo mi cabeza.**

---

el la paĝo 155

Malriĉuloj, nomo sen precedenco en la historio de la nomoj de la Sankta Virgulino. La apero en Banneux ŝajnas esti anoncita en Lourdes: «Post 75 jaroj, mi denove aperos ĉe la franca landlimo» (1858-1933). Pri tio la Episkopo de Lourdes, Mons. Théas, diris: «La Virgulino foriris de Lourdes kaj venis al Banneux por konsoli la malsanulojn, dolĉigi la suferojn, helpi ĉiujn bezonojn kaj mizerojn».

Estus preferinde por hispanoj, ke la prezo estu en mono, ĉar la internaciaj poŝtaj respondkuponoj estas malfacile haveblaj kaj tre multekostaj en nia lando.

Ĉe la sama adreso oni povas aĉeti la broŝuron «Sankta Francisko el Assisi kaj la Tria Ordeno Sekulara», kun historio pri tiu ordeno kaj ĝiaj reguloj, gloroj, leĝoj, privilegioj kaj franciskana rozario. Prezo, 2 ekz. 1 rkp. Ankaŭ tie oni povas aĉeti la ilustritan poŝtkarton «La Sankta Papo Pio X»; prezo, 2 ekz. 1 rpk.

*José Guzmán.*

Todo el mundo debe saber dos idiomas: el de su país y el Esperanto

## ANONCETOJ

● La Sekretariejo pri Esperanto ĉe la Hispana Asocio Pax Christi povas informi al ĉiuj interesuloj, pri la «Vojoj de la Paco 1955» okazontaj ĉirkaŭ la nederlanda urbo Nimega dum venonta somero. La prezoj estas malaltaj kaj la programo tre alloga. Informos: S-ro J. Guzmán, Horchatería Jaime, Ruzafa 7, Valencia.

● Deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj aliĝintaj al Pax Christi: Elbert Ruyter, 22-jara serĝento kaj skoltestro. Emas al dancoj modernaj aŭ popolaj; ankaŭ al la opera kaj opereta muzikoj; adreso: Leeghwaterstraat 9, Alkmaar, Nederlando, kaj W. J. A. van Oorschot, 44-jara pordisto en eldonejo; adreso: Van Heemskerckstraat 30, Amsterdam 3-C, Nederlando.

● Samideanino 21-jara dez. korespondi kun ĉiuj landoj pri diversaj temoj. Bonvolu skribi al: Jelena Gruiĉ, lern., Plitviĉkastrato 12, Zagreb, F. P. R. Jugoslavio.

● Hispandevena esperantisto loĝanta en franca Maroko, komencanto, 34-jara oficisto, kiu emas al kino, danco kaj pilkludo, deziras korespondi kun hispanino esperantlingve, eventuale hispane kaj france. Skribu al S-ro F. Montesinos, 37 Bd. Petitjean, Port-Lyautey, Maroko.

**B O L E T I N**
**de la**
**FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**
**BULTENO**
**DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Adreso de la Redakcio kaj Federacio**
**Str. Pelayo, 7, 1.ª**
**VALENCIA**
**Telefonoj: 19532 kaj 53579**
**Oficej - horoj**
**9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20**
**Sabate: nur 9 ĝis 13**
**Kunvenejoj**
**Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)**
**De 22'30 ĝis 24**
**Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil**
**Str. San Vicente, 67, 1.ª**
**De 15'30 ĝis 18**
**Kotizoj de la Federacio**
**Simpla membro: 15 pesetojn jare**
**Membro-abonanto: 50 pesetojn jare**
**Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare**
**La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.**
**Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare**
**Monsendojn adresu al:**
**S-ro Ernesto Hurtado**
**Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA**

● Je la fino de venonta Majo ni okazigos letervesperon. Niaj 25 junaj gemembroj atendas multajn leterojn kaj poŝtkartojn. Esperanto-Grupo Moyá, str. Forn 19, Moyá, Barcelona, Hispanujo.

## ESPERANTO KAJ LA OLIMPIKAJ LUDOJ

La venontaj Olimpikaj Ludoj okazos dum Novembro 1956 en Melburno (Aŭstralio).

Ĉiuj hoteloj estas jam rezervitaj por eksterlandaj ĵurnalistoj kaj radio-raportistoj. La atletoj mem kaj funkciuloj de eksterlandaj sport-organizoj loĝos en la «Olimpika Vilaĝo». Ĉiuj aliaj vizitantoj devas do trovi loĝejon ĉe privatuloj

La Aŭstralia Esperanto-Asocio deziras helpi al ĉiuj vizitantaj Esperantistoj, sed pro spacomanko ili devas anonci sin jam nun. Se eble ni aranĝos *senkostan* loĝadon ĉe samideanoj, sed ni nur povos respondi al tiuj leteroj, kiuj enhavos reafrankon. Ordinara letero (1 resp. kupono) daŭras 6-7 semajnojn. Aerpoŝta letero (2 resp. kuponoj) daŭras 8-10 tagojn.

Ni nur prizorgas loĝejon ĉe samideanoj, sed se vi volas havi teknikajn informojn pri la Olimpikaj Ludoj mem, vi devas *rekte* skribi al «Olympic Organising Committee» Melbourne (Australia). Multaj leteroj al la Olimpika Komitato ankaŭ montros la universalan disvastigadon de Esperanto. Sur la koverto kaj je la komenco de via letero indiku: «Language used: Esperanto» (Lingvo uzata: Esperanto).

La Aŭstralia Esperanto-Asocio kaj la Melburna Esperanto-Klubo intencas aranĝi specialan salutvesperon kaj ekskursojn kun la vizitontaj samideanoj. Indiku vian partoprenon al

***Aŭstralia Esperanto-Asocio***
**Box 2122 T, Elizabeth Street, Melbourne, Ausfralia**

PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA